25a Jaro - No 5-6 (266-267) Jara Kotiz-Abono Fr 35.— Majo-Junio 1939a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

DIREKTORO :
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK - ANTVERPENO

**Oficiala Organo de**



**Reĝa Belga Ligo Esperantista**

Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6 36

KARLOREĜO, LOVENO, TORNAKO

## Unu plia ĉenero estos baldaŭ forĝata

Kelkajn tagojn antaŭ la Kongreso de Charleroi, — same kiel nun antaŭ tiu de Loveno, — aperis numero de nia revuo, kun ĉefartikolo, kies titolo estis : **La Senfina Rondo : Antverpeno, Charleroi, Hasselt.**

La Kongreso, kiun ni antaŭvidis en la ĉefloko de la provinco Limburgo, ne okazos tie en 1939. Ni ne perdas la esperon, ke iam, en iom proksima estonteco, ni havos la okazon, irigi la Belgan Esperantistaron al tiu certe vizitinda regiono.

Sed, intertempe, ni tamen devis ŝanĝi nian programon kaj anstataŭ iri al Hasselt, la gemembroj de Belga Ligo kaj la fidelaj amikoj en la eksterlando, kiuj kutime vizitas niajn kongresojn, kuniĝos en Loveno.

Ni ne priskribos tie ĉi la belaĵojn kaj la allogaĵojn de la nova Kongresurbo ; nek la vidindaĵojn de la belega Ekspozicio de Lieĝo, kiun ni vizitos, kelkajn tagojn apenaŭ post ĝia malfermiĝo.

Kiam ni skribas en tiu ĉi loko pri niaj jarfestoj, estas por pensi kun vi, pri la esperanta flanko de nia kongreso, pri la propaganda flanko nome.

Kaj kiam ni pripensas tiun temon, ni ja tuj devas eldiri nian bedaŭron, ke, je la momento kiam ni skribas tiun ĉi artikolon, nur 83 interesuloj enskribiĝis kiel partoprenontoj de nia Kongreso.

Ho ! ni scias ! La ĝenerala politika situacio estas ne bona, estas ne instiga al laboro pri idealaj aferoj.

Ni ne vivas en milita periodo, sed ni tamen ankaŭ ne povas diri, ke ni vivas plene en paca tempo.

Kun unu piedo, la homaro staras sur la deklivo milita.

La tagaj ĵurnaloj sufiĉe, — kaj eble iom tro — avertas kaj pripensigas nin pri tio.

Sed ni memoru, ke, se ni estas soldatoj de nia lando, kaj en la terura eventualeco ke ĝi estus kuntirita en milito, farus nian plenan devon, defendante niajn virinojn, niajn infanojn kaj niajn hejmojn, ni tamen neniam forgesu, ke ni estas ankaŭ soldatoj de ideo de paco.

Kaj se la registaro, nunmomente, realvokas al la milita servo tiujn elementojn, pri kiuj ĝi devus disponi en la eventualeco de subita atako ; se ĝi organizas, ĉiuloke, ripetadojn de la diversaj eblaj batalfazoj ; se ĝi okazigas kunvenojn de la rezervoficiroj kun la soldatoj, kiujn ili devus komandi, ni ankaŭ ne forgesu, okazigi ripetadojn de nia paca laboro ; kunigojn de niaj rezervoj, renkontojn de tiuj, kiuj iamomente povus anstataŭi la gvidantojn, se tiuj estus vokataj for de sia ordinara laborkampo.

Tian renkontiĝejon kaj tian okazon por revidi unu la alian kaj reekfajrigi en ni la sanktan flamon, ni havos, post kelkaj tagoj.

Nun jam la eksteraj cirkonstancoj estas tiaj, ke ni povas esti certaj, ke eĉ, se milito eksplodos, ĝi certe ne faros antaŭ nia Kongres-dato.

Ni do havas nenian kialon por ne tuj alsendi nian aliĝon al la L.K.K., en Loveno. Ni ne havas kialon, por prokrasti, ĝis la lasta momento, la alsendon de tiu kuraĝigilo al tiuj, kiuj, en tiuj ĉi malfacilaj cirkonstancoj, ĉion bonvolis aranĝi por ni, sed kiuj staras nun, pro nia sintenado, antaŭ granda demanda signo.

La administrantaro de nia Ligo jam pristudis la demandon de nia kongreso en 1940... Estis elektata Tornako, se ne la oficiala ĉefloko de Hanagovio, tiam tamen unu el la plej vizitindaj kaj plej malnovaj urboj belgaj.

Elektinte ĝin jam antaŭ la Kongreso 1939, ĝi pruvis, ke ĝi antaŭenmarŝi volas. Pruvu vi, tuj, per via aliĝo, kaj post kelkaj tagoj, per via ĉeesto de la kongresaj aranĝoj, ke vi volas ĝin sekvi en la malfacila kaj peza vojo, tra kiu ĝi kondukas en nia lando, la laboron por nia komuna Idealo.

Post Karloreĝo, Loveno ; post Loveno, Tornako. Ke ĉiuj, kiuj estis en Charleroi, renkontiĝu en Loveno ; ke ĉiuj kiuj renkontentiĝos en Loveno, faru unu al la alia la promeson rekuniĝi en Tornako.

Tiel forĝiĝos, por la plej granda bono de nia movado, unu post la alia, la ĉiujaraj ĉeneroj, kiuj kunligas nian senliman Esperon !

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## GENERALA KUNSIDO

**la 16-an de aprilo 1939-a, en Bruselo « Albert I-er » je la 14-a.**

———

Prezidas : D-ro P. Kempeneers.

Ĉeestas : S-roj Jaumotte, Tassin, Poupeye, Cogen, S-ino Elworthy, S-roj Vandevelde, Alofs, Decoster, Wauters Achiel, Faes, Ges-roj Jacobsohn, S-ro M. Wauters (Loveno) kaj poste, je la 16, 15-a : S-ino Haudebine, Cseh-instruistino.

Estas reprezentataj per speciala rajtiga letero : 14 gemembroj el la Genta Grupo, pere de S-ro Vandevelde ; 48 gemembroj el la Bruĝa Grupo, pere de S-ro Poupeye.

Senkulipiĝis : F-inoj Thooris, Jennen. S-roj Vanden Bossche kaj Cafonnette.

1) **RAPORTO DE LA ADMINISTRANTARO :** estas legata de S-ro Poupeye kaj aprobata.

D-ro Kempeneers aldonas informon pri la **gazetara servo.** Estonte, S-ro Alofs tradukos artikolojn en flandra kaj franca lingvoj kaj sendos ilin al D-ro Kempeneers. La membroj sendu gazeteltondaĵojn al S-ro Alofs, 16, Zomerverblijflaan, St-Lambrechts-Woluwe, avenue de la Villégiature, Woluwe-St-Lambert.

2) **RAPORTO DE LA KOMISAROJ :** estas farata de S-ro Alofs, kiu konstatas, ke ĉiuj en- kaj elspezoj estas regule enskribitaj de la kasisto S-ro Tassin, kaj konkludas ke la kasa situacio multe pliboniĝis, ĉar la jaro 1938-a finiĝis kun deficito de nur 16 fr.

3) **APROBO DE LA KALKULOJ 1938 KAJ BUDĜETO 1939 :** Ĝenerale aprobata. S-ro Tassin, kasisto, sin detenas.

Sekvas ĝenerala kvitigo de la administrantaro.

S-ro Faes promesas helpon por la gazetara servo.

S-ro Vandevelde bedaŭras mankon de sumo por la propagando, la Prezidanto respondas ke, estonte, la Fondaĵo Solvay povos helpi al tio.

4) **FIKSADO DE LA NOMBRO DE ADMINISTRANTOJ :** tiu nombro estas fiksata je 14.

5) **ELEKTO DE LA ADMINISTRANTOJ :** La kandidatoj proponitaj de la grupoj kaj izolulo estas elektataj, unuanime, krom la voĉo de S-ino Elworthy.

Bruĝo : F-ino Thooris, S-roj Poupeye kaj Decoster.

Antverpeno : S-roj Jaumotte, Faes, kaj Wauters, Ach.

Bruselo : S-ro Kempeneers, F-ino Jennen.

Gento : S-ro Vande Velde.

Malgrandaj grupoj kaj izoluloj : S-roj Cogen kaj Cafonnette.

6) **FIKSADO DE LA NOMBRO DE KOMISAROJ :** tiu nombro estas fiksata je 3.

7) **ELEKTO DE LA KOMISAROJ :** Estas unuanime reelektataj : S-roj Roost, Mathieu, kaj Alofs.

8) **FIKSADO DE LA KOTIZO :** senŝanĝe.

9) **DIVERSAĴOJ :**

1. Informoj donataj de S-ro Wauters pri la kongreso de Loveno. Ĝis nun enskribitaj : 60 personoj.

**Programo :**

**sabate :** se ne teatraĵo, varia vespero, intima dancado.

**dimanĉe :** diservoj — solena kunveno — akcepto urbdomo — fotografado, tagmanĝo (18 fr. kun trinkmono) — vizito al kastelo Arenberg — je la 18-a festeno (30 fr. kun trinkmono) — poste balo.

**lunde :** 9-a : ekskurso al Lieĝo, vagonaro + boato + eniro = 29 fr. Idem por infanoj —10 jaraj 17 fr.

Tagmaĝo : 17 fr. 50 kun trinkmono.

Ĉambroj en Loveno :

de 10 ĝis 25 fr. por unu persono
de 20 ĝis 40 fr. por du personoj
de 45 ĝis 50 fr. por 3 aŭ 4 personoj.

Reveno en Loveno je la 19-a.

Aliĝiloj dissendotaj.

2. S-ro Kempeneers atentigas, ke dum aŭtuno 1939 devos okazi lokaj kunvenoj, por elekto de la delegitoj por nova periodo de 3 jaroj.

S-ino Elworthy parolas pri propagando ; ŝi proponas organizi, en Antverpeno, oficialan semajnon de Esperanto en oktobro. La Prezidanto gratulas pro kompleta plano prezentata. S-ro Jaumotte aldonas tamen ke tia semajno kostas multajn milojn da frankoj. S-ro Faes proponas kunlabori kun alia organizo, kiu mem organizus semajnon.

S-ro Faes proponas sendi al « Pourquoi Pas ? » librojn por Ardenaj Soldatoj. Aprobata, S-ro Faes sin okupu pri tio. Lia alvoko aperu en « Belga Esperantisto ».

La kunveno estas fermata je la 16,45-a.

## KUNVENO DE LA ADMINISTRANTARO

**la 16-an de aprilo 1939-a, en Bruselo « Albert I-er », je la 17-a.**

———

Samaj ĉeestantoj, kiel en la ĵus finiĝinta ĝenerala kunsido.

1) **ELEKTO DE KOOPTAJ ADMINISTRANTOJ** (maksimume unu triono de la jam elektitaj administrantoj) : Estas unuanime elektataj : S-roj Tassin, Robert kaj Vanden Bossche.

2) **ELEKTO DE LA MEMBROJ DE LA ESTRARO :** La estraro konsistante el : S-ro Kempeneers, prezidanto ; F-ino Thooris kaj S-ro Jaumotte, gevicprezidantoj ; S-ro Tassin, kasisto kaj S-ro Poupeye, sekretario, estas unuanime reelektata. S-ro Alofs, helpos pri la gazetara servo. S-ro Jacobsohn helpos multobligante cirkulerojn.

3) **EKZAMENA KOMISIONO :** propono de S-ro Rainson estas klarigata de S-ro Poupeye, laŭ korespondaĵoj inter la unua kaj F-ino Thooris. Post klarigoj de S-ro Jaumotte laŭ kiuj Belga Ligo devus interrilati kun la al tiu ekzamena komisiono jam aliĝintaj Ligoj kaj post rimarkoj de S-roj Vande Velde, Alofs, Jacobsohn, S-ino Elworthy, propono estas akceptata ke ni sendu du delegitojn : S-ron Jaumotte kaj F-inon Jennen, kiel observantojn kaj kiuj povas raporti por ebligi finan decidon.

4) **AKCEPTO DE NOVAJ GRUPOJ.** S-ro Poupeye faras la komunikaĵojn pri grupoj el Aelter kaj Bruselo (Quartier Meiser).

5) **CSEH-KURSOJ :** raporto pri la jam organizitaj kursoj estas farata (vidu apartan raporteton). S-ino Haudebine donos mallongan provlecionon, dum la sabata kunveno de la kongreso.

6) **RILATOJ KUN I.E.L.** — Estas rekomendata, fari propagandon por IEL. S-ro Vanden Bossche estas proponata kiel ĉefdelegito.

7) **ORGANIZO DE LA ESTONTA LABORO.**

8) **INTERNACIA KONGRESO BERN.**

9) **BELGA KONGRESO LOVENO :** tiuj ĉi punktoj estis jam priparolitaj dum la ĝenerala kunsido.

10) **BELGA KONGRESO DUM 1940 :** okazos en Tournai.

11) **DIVERSAĴOJ :** nenio.

Kunveno fermata je la 18-a.

# NIA DUDEKOKA EN LOVENO

(27-an, 28-an, 29-an de Majo 1939)

La Loka Kongresa Komitato dissendis al ĉiuj aliĝintoj kaj al ĉiuj grupoj kaj konataj adresoj, nombron de aliĝiloj por nia Kongreso.

Ĝi, aliflanke, en Loveno, ĉion preparis por ke nia Kongreso estu granda sukceso. Tiu sukceso nun dependos nur de ni mem!

Jen la programo, kiel ĝi estas definitive starigata :

**SABATON LA 27-an DE MAJO :**

De la 14-a h., akcepto en la stacidomo de la alvenantaj kongresanoj (samideanoj deĵoros ĉe la atendejo 2a klasa).

15.00 h. Malfermo de la akceptejo en « Hotelo Ratteman « (privata domo, maldekstre en aleo, kiu havas vidon sur la Pariza Strato).
(La Akceptejo, en kiu cetere okazos la tuta kongreso, kun la manĝoj enkluzive, estas lokata apud la urbdomo, tio estas, je unu kilometro ekzakte de la stacidomo. Tramoj kondukas de la stacidomo al la centro.)

16.00 h. Flordemeto ĉe la Monumento de la Militviktimoj.
(Je la 15-a h. 45, foriros delegacio el la akceptejo. La kongresanoj, kiuj alvenos inter la 15-a kaj la 16-a kaj loĝas en hoteloj, kiuj preskaŭ ĉiuj estas lokataj apud la Stacidomo, povas atendi la delegacion ĉe la monumento, kiu staras sur la granda placo antaŭ la stacidomo, kaj tuj post la ceremonio, reakompani la delegacion al la akceptejo, por preni sian koverton kaj sekvi la kunsidojn.)

16.30 h. Ĝenerala jarkunveno de « Belga Esperanto-Instituto ».
(Nia eldona societo, antaŭ kelkaj semajnoj, ŝanĝis sian statuton, rilate al la jarkunsido, kiu ne plu sensanĝe okazos en Antverpeno, sed, ĉiujare, dum la pentekostaj tagoj, en la urbo, kie okazos la kongreso de Reĝa Belga Ligo Esperantista. Tiel, ĉiuj akciuloj povos ĉeesti tiun kunsidon.)
Eventuale, je la sama horo aŭ tuj poste, kunveno de la delegitoj kaj membroj de I.E.L.

17,30 h. Laborkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

19.00 h. Vespermanĝo.

20.00 h. Varia vespero : 1. prezentado de unua parto de filmo pri Svisujo, la lando de nia universala Kongreso ; 2. provleciono, laŭ rekta metodo, de S-ino Haudebine ; 3. dua parto de la filmo ; 4. intima dancado kaj interkonatiĝo.

**DIMANĈON, LA 28-an DE MAJO :**

9.00 h. (eksterprograme) : Katolika Di-servo, kun prediko en Esperanto de Pastro J. De Maeyer.
Protestanta Di-servo, kun prediko en Esperanto de S-ro Demoulin.

10.00 h. Solena Kongreskunveno en « Hotelo Ratteman ».

11.45 h. Oficiala akcepto de la kongresanoj, en la Urbdomo. — Vizito de la urbdomo. Tuj poste komuna fotografado.

13.00 h. Tagmanĝo en la kongresejo.

14.30 h. Gvidataj vizitoj : I. Kastelo Arenberg (ripozo, kun ebleco trinki refreŝaĵon) — Granda Beginejo — Maŭzoleo Pastro Damiano.
II. S-ta Petro-preĝejo — Universitata Biblioteko — Muzeo Spoelbergh, legsalono, librogalerio — Diversaj monumentoj.

18.00 h. Festeno, en la Kongresejo.

21.00 h. Granda Dancfesto, en la sama ejo.

**LUNDON, LA 29-an DE MAJO :**

9.00 h. Forveturo al Lieĝo, vagonare. La ekzakta laŭminuta forirhoro estos konigata dum la Kongreso.

10.45 h. Alveno en la stacidomo de Lieĝo (Guillemins) — Promenado ĝis « Passerelle » — Enŝipiĝo por la boata veturado sur la Mozo, ĝis en la Ekspozicio.

12.00 h. (do tuj post alveno) : Tagmanĝo, en salono indikota.

18.30 h. Foriro al Loveno, el stacidomo de Bressoux.

Ĉirkaŭ la 20-a, re-alveno en Loveno — adiaŭo — disiĝo.

Se iuj ne partoprenus la belegan ekskurson al Lieĝo, estos por ili organizata lunde, antaŭtagmeze : promenado laŭlonge de la Lovenaj monumentoj kaj vizito al la Muzeo Vander Kelen-Mertens kaj, post la tagmanĝo : vizito al la Abatejo de Park.

La kromajn informojn la kongresanoj ricevos tuj post sia alveno, en la Kongresejo « Hotelo Ratteman », Pariza Strato.

## BONA NOVAĴO

Por la unua fojo, nia ministro por Publika Instruado, kiu jam en la estinteco akceptis, ke Esperantisto reprezentu lin ĉe universala Kongreso, reprezentigos sin nun, ĉe nia nacia kongreso, de plej eminenta funkciulo, nome de S-ro J. Grauls, direktoro ĉe la Ministerio.

S-ro Grauls promesis ĉeesti la Kongreson kaj alparoli la Kongresanojn dum la solena kunsido, kiel oficiala reprezentanto de la Ministro.

## LA ALIĜINTOJ AL NIA KONGRESO

Ni jam, en antaŭaj numeroj de nia revuo, publikigis listojn de aliĝintoj al nia Kongreso.

Ni daŭrigas tiun liston :

55 S-ino Elworthy-Posenaer, Antverpeno.
56 S-ro Victor Dumoulin, Karloreĝo.
57 S-ro José Van Goch, Antverpeno.
58 F-ino Cécile Faes, Antverpeno.
59 S-ro De Coster-Billiet, Bruĝo.
60 F-ino Jeanne Morrens, Antverpeno.
61 F-ino Julia Dubois, Antverpeno.
62 F-ino Germaine Van Acker, Antverpeno.
63 S-ro Marcel Roost, Antverpeno.
64 S-ro Jozef Zichet, Loveno.
65 S-ro Louis De Hondt, Antverpeno.
66 S-ino J. De Hondt-Hubens, Antverpeno.
67 S-ino Gruslet-Moerman, Gento.
68 F-ino Julia Plyson, Bruselo.
69 F-ino Louise Plyson, Bruselo.
70 S-ro André Cheppe, Pâturages.
71 F-ino Julia Montens, Loveno.
72 S-ro Eugeen Sprengers, Loveno.
73 S-ro Robert Groverman, Gentbrugge.
74 S-ro Camille Tousseyn, Jabbeke.
75 S-ro Paul Blaise, Morden (Angl.).
76 S-ino Tasse-Richez, Merbes-le-Château.
77 F-ino Cécile Willems, Bruĝo.
78 F-ino Madeleine Willems, Bruĝo.
79 S-ro Jacques Timmerman, Gento.
80 S-ro Cl. Vandevelde, Merelbeke.
81 S-ro Louis Douchamps, Jette.
82 S-ino Douchamps, Jette.
83 S-ino Leconte, Marcinelle.

**ALIĜU TUJ**

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

Estimata Akciul(in)o,

Konforme al nia Statuto, kies artikolo, temante pri la ĝenerala jarkunveno, estas ŝanĝata, ni havas la plezuron inviti vin, ĉeesti la 27-an de Majo, je la 16.30 h., en « Hotelo Ratteman », Pariza Strato, Loveno, la ĝeneralan jarkunsidon de nia Societo, kun jena tagordo :

1. Aŭdi la raporton de la administrantaro.
2. Aprobi la raporton de la Administrantaro.
3. Aŭdi la raporton de la komisaroj.
4. Aprobi la raporton de la komisaroj.
5. Aprobi la bilancon kaj la kalkulon de profitoj kaj perdoj.
6. Kvitigi per du specialaj voĉdonoj la administrantojn kaj la komisarojn pro la plenigo de sia mandato.
7. Reelekti la komisarinon, F-inon Y. Thooris.

Ni memorigas, ke la ŝanĝo en la statuto, ĉi supre aludata, antaŭvidas, ke, se dum la kunsido de la 27-a de Majo, nombro de akciuloj, postulata por la alpreno de iuj decidoj, ne ĉeestas, dua kunsido okazos unu semajnon poste, en la « Esperanto-Domo », en Antverpeno. Eventuale, ni jam invitas vin al tiu ĉi dua kunsido, pri kies kunvoko avertos vin la taggazetoj.

Je la plezuro, saluti vin baldaŭ, ni prezentas al vi, Estimata Akciul(in)o, niajn sincerajn salutojn.

La Prezidanto,
Maur. JAUMOTTE.

★

## JARA BILANCO JE LA 31-a DE MARTO 1939

| | | |
|---|---|---|
| **A K T I V O :** | | |
| Magazeno fr. | 102.967,29 | |
| Meblaro | 10.720,55 | |
| | | 113.687,84 |
| Kaso, Banko kaj Poŝtĉeko | | 1.233,05 |
| Garantiaj deponoj | | 2.525,— |
| Kooperaj partoprenantoj | | 39.365,32 |
| Statutaj deponoj | | 5.200,— |
| Klientoj-Ŝuldantoj | | 4.217,77 |
| **P A S I V O :** | | |
| Socia Kapitalo fr. | 111.400,— | |
| Laŭleĝa rezervo | 3.300,— | |
| Eksterordinara rezervo | 3.000,— | |
| | | 117.700,— |
| Amortizo fr. | 25.835,75 | |
| Por imposta rezervo | 1.051,40 | |
| | | 26.887,15 |
| Kreditoroj | | 10.687,75 |
| Statutaj deponantoj | | 5.200,— |
| Profita saldo | | 5.754,08 |
| | Fr. | **166.228,98** |

## PROFITO- KAJ PERDO-KALKULO

| | | |
|---|---|---|
| **D E B E T O :** | | |
| Generalaj elspezoj fr. | 23.978,79 | |
| **K R E D I T O :** | | |
| Profita saldo de la antaŭa jaro 1937-38) fr. | | 5.422,20 |
| Magazeno kaj presaja servo | | 24.114,57 |
| Abon-servo | | 196,10 |
| Saldo | 5.754,08 | |
| | **29.732,87** | **29.732,87** |

## RAPORTO DE LA ADMINISTRANTARO

Sinjorinoj kaj Sinjoroj,

Ni havas la honoron raporti al vi pri la 13-a societa jaro, de la 1-a de Aprilo 1938 ĝis la 31-a de Marto 1938 kaj submeti al via aprobo la bilancon kaj kalkulon de profitoj kaj perdoj pri la sama jaro.

La rezultato de la nuna jaro povas ŝajni en tiu ĉi senco kontentiga, ke, eĉ deprenante la saldon je la komenco de la jaro, ni finas nian jarlaboron kun malgranda profito.

Ĝi tamen **ne** estas kontentiga, se ni pripensas, ke la ĝeneralaj mondokazantaĵoj alportis diversajn, sinsekvajn gravegajn batojn al la ĝenerala movado kaj ankaŭ al nia Instituto, kiu ĉerpis gravan parton de sia profito el la presado de revuoj kaj libroj por eksterlandaj amikaj firmoj.

Dum la libro-eldonado, — kaj do presado —, preskaŭ tute [illegible] dum la pasinta jaro, la forfalo de la revu-abonantoj en la landoj, kie Esperanto estas malpermesata aŭ nedezirata, devigis la eldonantojn, ĉu ĉesigi la eldonadon, ĉu redukti grandskale la eldonelspezojn.

Se do, en nia pasinta raporto, ni jam konstatis, ke la tiam akirita rezultato « **ne permesas daŭrigi senhezite kaj senpripense la vojon, kiun ni proponis kaj kiun vi decidis aliri antaŭ unu jaro** », ni nun devas averti, ke ni, senhezite kaj sen plia atendo, devas aŭ trovi novajn profitdonajn uzojn de nia kapitalo aŭ alpreni energiajn ŝparrimedojn.

Ni malkaŝe diras, ke la administrantaro ne hezitis ekzameni eĉ la fermon de la magazeno, se la eksterlandaj ĝeneralaj cirkonstancoj ne permesus al ni, esperi, en baldaŭa estonto, plibonigon de la vendada fako.

Tia fermo tamen kaŭzus al ni gravajn perdojn, pro la senvalorigo de la tamen proporcie multekosta instalaĵo, pro la malplivalorigo de la ne-esperantaĵoj, kiujn ni devus are likvidi kaj pro la malplialtigo de la vendoj de Esperantaĵoj, se ni ne plu disponus pri « fasado sur la strato ». Ni, en tiu ĉi raporto, kompreneble ne okupas nin pri la malbona sekvo kiun tia fermo havus por la Esperanto-movado ĝenerale.

La ebla malprof[illegible] la ĵus komenciĝinta jaro, — se ni supozas ke la cirkonstancoj ne plised ankaŭ ne malpli-boniĝus —, estas, se ja grava, tamen ne tiel grava, ke serioza kunlaboro de ĉiuj Esperantistoj en nia lando, ne povus ĝin malaperigi.

Sed por tion akiri, la Esperantistoj ne nur devus aĉeti Esperanto-librojn, — ilia aĉetkapablo en tiu rilato estas ja vere limigita —, sed pensi je nia Instituto, **ĉiufoje** kiam ili staras antaŭ la deviga aĉeto de donaceto por familiano aŭ amiko, okaze de la necesa aĉeto de kiu ajn presaĵo aŭ paperaĵo kaj de ĉiu artiklo aĉetebla en papererejo.

Ni iom longe pritraktis la ĝeneralan situacion, ĉar vere tiun ĉi jaron, tio ŝajnas al ni necesega.

**NEGOCOJ** (vendado kaj presado) : Tiu ĉi negoco, farita en la magazeno kaj de la oficejo, atingis, dum la jaro 1938-39, komerc-ciferon de Fr. 124.833,91.

Kiel vi vidas, estas ja grava sumo, kaj la fakto ke ekzistas do tiagrada enteresiĝo de la publiko por Esperanto devas instigi niajn akciulojn, same kiel ĉiujn Esperantistojn, doni mem, per regulaj aĉetoj, la lastan necesan alpuŝon, por ebligi ekvilibron en niaj financoj.

**PRESADO KAJ ELDONADO :** Kiel ni jam

# BELGA KRONIKO

## REKTMETODAJ KURSOJ

Jam komence de Marto, Reĝa Belga Ligo Esperantista organizis kursojn laŭ rekta metodo, en Loveno kaj Thienen, gvidataj de S-ino Haudebine.

Ili baldaŭ finiĝos, kion bedaŭras la lernantoj, kiuj regule ĉeestis.

Plie, ni ĵus starigis novajn kursojn en St-Truiden kaj Bruselo. La unuan iniciatis St-Truiden-ano, partoprenanta la kurson en Thienen.

Fervore, li propagandis apud siaj gekonatoj. Tiel, ke se la demonstracion ĉeestis nur 14 plenaĝuloj, 12 el ili tuj aliĝis. La unuan lecionon partoprenis 19 personoj kaj nun 21 gajuloj sekvas regule la kurson.

Jen rezultato de persona varbado, la sola, kiu vere efikas plene!

Io simila okazis en Bruselo, kie S-ino Haudebine devis, unue, nur paroligi la grupanojn. La unuan vesperon, ĉeestis kelkaj neesperantistoj, kiuj petis pri kurso por komencantoj.

Ĉar ni ne devas neglekti la interesitojn, estis decidata aranĝi komenckurson. Post la demonstracio aliĝis tuj pluraj personoj kaj la unuan lecionon partoprenis 13, kiuj vigle lernas.

La paroliga kurso okazas paralele kaj estas bone vizitata.

diris ĉi supre, la presado de revuoj, libroj kaj aliaj dokumentoj grave malpliiĝis dum tiu ĉi societa jaro, dum ni prokrastigis ĝis la nova societa jaro, la presadon de la kvara volumo de la « Fabeloj de Andersen », kies eldonrajton ni akiris en antaŭa societa jaro.

**KORESPONDA KURSO :** Ni daŭrigis komprenеble la liveradon de la korespondaj kursoj en flandra kaj franca lingvoj, sed la nombro de venditaj lecionoj tamen pruvas, ke la Esperantistaro ĝenerale nur arde deziras la aperon de libro, kurso k.t.p. ĝis la momento, kiam ĝi ekzistas, dum tiu ĉi ardeco multe malplialtiĝas, kiam ĝia deziro estas kontentigata. Regule tamen novaj lernantoj enskribiĝas plej ofte allogataj per malgrandaj anoncoj kaj komunikoj, kiujn ni sukcesas enpresi en kelkajn gazetojn.

**AKCIULOJ KAJ KAPITALO :** Je la 31-a de Marto 1939, ni havis 213 akciulojn kun subskribita kapitalo de 111.400 frankoj kaj pagita Fr. 72.034,68.

Kompare al la ciferoj de pasinta jaro, tio pruvas ke la subskribita kapitalo malplialtiĝis de Fr. 9.000, dum la pagita parto altiĝis de iom pli ol Fr. 3.800.

La malplialtigo de la unua cifero devenas de la fakto ke kelkaj akciuloj esprimis la deziron repreni parton de sia aktivo en nia Societo, pro la krizaj cirkonstancoj, dum la dua plialtiĝis pro la alvoko de 10 0/0 de la akcia kapitalo, kiu okazis en la monato de Julio 1938.

La fakto ke nia societo tamen mem bezonas, nun tutspeciale, la plenan disponon pri sia kapitalo, devigis la administrantaron alpreni decidon, laŭ kiu ĝi, provizore, ne plu donas la necesan aprobon por tiaj monreprenoj. Kapitalo subskribita en koopera societa estas, laŭ la supozo de la leĝo, farata por la daŭro de la societo aŭ 30 jaroj kaj nur la administrantaro povas, per ĉiam speciale alprenita decido, permesi pli fruan reprenon.

Aliflanke, la administrantaro estis ankaŭ devigata insisti apud kelkaj akciuloj, kiuj ne respondis al la kapital-alvoko, per la necesa pago.

Se la administrantaro estas ema ekzameni kun multe da bonvolo, la situacion de tiuj akciuloj, kiuj, en pli favoraj tempoj, alprenis akciojn por iom grava kapitalo, ĝi tamen estas decidinta eluzi siajn povojn por tiuj akciuloj, kiuj posedas nur unu akcion, kaj kiuj eĉ ne respondis al la rememorigo pri la monalvoko.

Tio igas nin atentigi la akciulojn pri la dezirindeco aligi al nia Societo la novajn esperantistojn, kiuj ne jam posedas akcion, same kiel ni tion faris, en la unuaj jaroj de la ekzisto de nia Societo.

**NIA INVENTARO :** Je la 31-a de Marto 1939, nia inventaro sumiĝis je Fr. **102.967,29**, dum ĝi estis, je la sama dato de 1938, **Fr. 114.441,68.** Tio montras, unuflanke, ke ni restis prudentaj en la takso de la valoro de la vendotaĵoj, kies supozitan valoron ni plenkonscie malaltigis por la artikloj, kies vendado ŝajnas al ni ne tiel facila; kaj, aliflanke, ke ni estis pli prudentaj ol iam, ĉe la renovigo de la stoko de artikloj, kiuj elĉerpiĝis.

REZERVOJ : Niaj rezervoj altiĝis je l' komenco de la societa jaro, je

| | | |
|---|---|---|
| Laŭleĝa | fr. | 3.300,— |
| Eksterodinara | | 3.000,— |
| Inventaro | | 23.000,— |
| Meblaro | | 2.835,75 |
| Entute | fr. | 32.135,75 |

al kiuj ni aldonos, post aprobo de la bilanco kaj laŭ propono de la administrantaro :

| | | |
|---|---|---|
| Laŭleĝa | fr. | 500,— |
| Meblaro | | 1.114,25 |
| Entute | fr. | 33.750,— |

**BILANCO KAJ KALKULO DE PROFITOJ KAJ PERDOJ.** — La ĉi kunaj Bilanco kaj Kalkulo de Profitoj kaj Perdoj por 1938-39 montras profiton de ................Fr. 5.754,08
Se ni tamen pripensas, ke la saldo, kiu restis de la antaŭa jaro altiĝis je ........................................ 5.422,20
ni konstatas, ke la vera neta profito estas nur ..............................Fr. 331,88
kaj tio montras, pli bone ol la supraj klarigoj, la necesegon de la kunlaboro de ĉiuj.

Ĉiuj akciuloj do certe konsentos, se ni proponas, ne dividi la profiton montratan en nia bilanco; unuflanke, ĉar ĝi ne estas akirita dum tiu ĉi societa jaro, kaj, aliflanke, ĉar ni opinias, ke estas necese, ke ni daŭrigu nian politikon de ŝparema prudenteco, kiun ni inaŭguris jam pasintan jaron, kiam ni konservis iom gravan saldon por la sekvanta jaro.

**ADMINISTRANTOJ :** S-ro Van den Bossche (1940), S-ro M. De Ketelaere (1941), S-ro H. Vermuyten (1942), S-ro M. Jaumotte (1943), S-ro L. De Hondt (1944).

**KOMISAROJ :** F-ino Y. Thooris (1939), S-ino Staes (1941), F-ino J. Morrens (1942), S-ro Sielens (1943), S-ino H. Schoofs (1944).

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj : Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile : ĉiusabate je 20a h. 30.

Sabaton, la 3-an de Junio en « Witte Leeuw » : raporto pri la kongreso kaj preparo de la pik-nika vespero.

Sabaton, la 10-an : vizito al la Foiro (kunveno je la 9-a antaŭ la Juĝejo-angulo de la Anselmostrato).

Sabaton, la 17-an en « Witte Leeuw » : disdono de la diplomoj al la lernantoj de S-ro Vermyten.

Dimanĉon, la 18-an : aŭtoĉara ekskurso al St-Hubert. Foriro je la 7-a antaŭ la Urba Teatra, Kipdorpbrug.

Sabaton, la 24-an : en « Esperanto-Domo » : pik-nika vespero kun la kunhelpo de ĉiuj partoprenantoj, kiuj ĉiuj alportos, ĉu manĝajon ĉu trinkaĵon, laŭ la plano pristudita la 3-an.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn » ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin. Tel. 318.23.

Kunvenoj dum junio 1939-a (ĉiuj en la Kunvenejo) :

6-an de junio : a) I.E.L.-vespero (Prez. F-ino Y. Thooris). — b) Kartludado (Prez. S-ro H. Van Roye).

13-an : a) Dikto de kanto (Prez. F-ino Y. Thooris). — b) Kantado, gvidado : S-ino Poupeye, ĉe la piano : S-ino Van Roye.

20-an : a) Humoraĵoj (Prez. S-ro E. Guillaume). — b) Triopa babilado kun posta publika raportado (Prez. S-ro K. Decoster).

27-an : Konkursetoj kun premioj (Prez. S-ro H. Van Roye).

N. B. En okazo de bela vetero, iu aŭ alia el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per vespera promenado. Foriro je la 20-a akurate el la kunvenejo, tial oni alvenu ĝustatempe.

**BIBLIOTEKO :** malfermata en la Sidejo, ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekisto :

S-ro J. Drubbel. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, k.t.p. — Magazenisto : S-ro K. Decoster.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

BRUSELO. — « **Esperantista Brusela Grupo** ». — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde : de la 19-a ĝis 21-a h. 30 : elementa kurso por komencantoj, gvidata de S-ro Haudebine (laŭ rekta metodo) ; — de la 20-a ĝis la 20-a 1/2 : Daŭrigo de la perfektiga kurso, gvidata de S-ro Vanderstempel ; — de la 20-a 1/2 ĝis la 21-a 1/2 : regula grup-kunsido (kies programo sekvas) ; — de la 21-a 1/2 ĝis la 22-a 1/2 : paroliga kurso, gvidata de S-ino Haudebine.

Dimanĉon, la 4-an de Junio okazos nia monata ekskurso, gvidata de F-ino Kestens. Rendevuo, je la 15-a, antaŭ la stacidomo de Tervueren. Tra la parko kaj la arbaro, piede ĝis « N. D. au Bois ». (Kunprenu eventuale posttagmezan manĝaĵon : oni sidos en la arbaro, ne en kafejo !) Venu multnombre !

Lundon, la 5-an : Babilado pri la Kongreso.

Lundon, la 12-an : F-ino Kerkhofs parolos pri « filatelio ».

Lundon, la 19-an : F-ino Pierre gvidos ŝaradojn.

Lundon, la 26-an : Kant- kaj ludvespero.

Lundon, la 3-an de Julio : S-ro Mooy proponos enigmojn.

### GRUPAJ RAPORTOJ

**ANTVERPENO : Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ». — La 15-an de Aprilo :** aro da ge-manĝemuloj kunvenis en restoracio « Le Phare » por bongusta vesper-manĝeto, al kiu S-ro De Hondt aldonis enigman ruĝetkoloran balkon-deserton.

**La 22-an** la gemembroj gaje kunsidis kun kelkaj novaj lernantoj el la kurso de S-ro Vermuyten kaj laŭtvoĉe kantadis esperantajn melodiojn laŭ pianofort-gvidado de S-ino De Hondt. La kunestintaj estis agrable surprizitaj pro la prezentado kaj sol-kanto de F-ino M. Hofkens, pri la balkon-enigmo, laŭ bone konata « oi » melodio.

**Dimanĉe la 23-an** okazis en enterigejo Schoonselhof la ĉiujara ceremonio sur la tombo de la Prezidint-Fondinto Frans Schoofs. Sub vera aprila « draŝo », S-ro Jaumotte, prezidanto kiel ĉiujare, — kaj jam por la kvina fojo —, refoje certigis al S-ino Schoofs kaj al Leono, la sentojn de amikeco, kiujn ĉiuj membroj havas por ili kaj la instigon al plua laboremo, kiun la Verdstelanoj venas ĉerpi ĉiujare ĉe la tombo de pioniro de Esperanto. En tiu, por ni, sankta loko, la prezidanto menciis la motivojn kial — en la estonto — la ceremonio estos mallongigata ĝis flor-demeto kaj vizito de la tuta Administrantaro kaj Komitatanaro de nia grupo.

Poste S-ino Jaumotte, invitis ĉiujn ge-ĉeestintojn en sia hejmo por mallonga kunestado, kiun ŝi delikate estris kaj pro kiu ŝi plene meritas la esprimitajn dankvortojn de ĉiuj.

**La 29-an** nia vicprezidanto S-ro Faes, majstre paroladis — helpe de konvinkiga dokumentaro kaj materialo, pri gravaj marbataloj dum la pasinta mond-milito kaj substrekis la ne-homan kaj homan sintenadon respektive de la du batalpartioj. Li ne forgesis fari alvokon por interkomprenado inter la popoloj kaj kortuŝe pledis por fina mond-paco. Ne necesis, ke S-ro De Hondt, kunven-gvidanto, lin aplaŭdigu sed li tutkore dankegis la paroladinton pro la interesega parolado kaj kortuŝa alvoko.

**La 6-an de Majo** la gemembroj pasigis la vesperon en la Esperanto-Domo aŭskultante la diversajn klarigojn pri la kongreso okazonta en Loveno dum la Pentekostaj tagoj kaj gaje babilante inter si.

**La 13-an** la gemembroj estis denove en la kutima kunvenejo por eklerni kelkajn kantojn kaj ili faris tion laŭtvoĉe kaj tre gaje. Ĉe la pianoforto gvidis F-ino J. Verhelst, kiu agrabligis la vesperon per bonege kantita himno « La Majstro », post kio S-ro De Hondt vicprezidanto tutkore dankis ŝin.

Post kelkaj detaloj pri la estonta kongreso, la gemembroj disiris por rehejmiĝo aŭ... por retrovi sin ĉirkaŭ la lasta trinkaĵo en kutima ejo.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo :** La 11-an de aprilo S-roj G. Spoon, T. W. Lloyd, kaj H. Van Roye interesis la ĉeestantojn, prezentante amuzajn enigmojn. Je la fino de la vespero, S-ro Ch. Poupeye gvidis portretludadon laŭ nova maniero.

Dum la kunveno de la 18-a de aprilo, F-ino Y. Thooris, rememorigis pri la datreveno de la morto de D-ro Zamenhof (14-4-17). Poste S-ro H. Van Roye tre lerte prezentis konkursetojn : 1) krucvortludado, 2) formado de vortoj, 3) homonimludado. La ĉeestantoj multe interesiĝis pri ili. Akiris premion : S-roj Ch. Poupeye, J. Tanghe, J. Rombouts, V. Jehansart, P. de Vooght, S-ino Poupeye, kaj F-ino D. Duchesnet.

Samgrupano el Londono, S-ro C. H. Bingham, vizitis la grupon, la 25-an de aprilo, parolis pri sia urbo kaj prirespondis multajn demandojn pri ĝi. Poste humoraĵoj estis prezentataj grandsukcese de S-ro R. Groverman.

La 2-an de majo, post enkonduka portretludado, okazis redakta ludo. Ĉiu ĉeestanto devis skribi kelkajn liniojn pri iu donita temo, rilatanta al la nuntempa Bruĝa foiro. Posta laŭtlegado de la verketoj montriĝis vere amuza. Alvoko estis ankaŭ farata favore de la Belga Kongreso en Loveno kaj de la Internacia Libertempa semajno en Malo-les-Bains. S-ro H. Van Roye gvidis la tutan vesperon.

La 9-an de majo, S-ro J. Drubbel, bibliotekisto, prezentata de F-ino M. Huyghe, faris raporton en parolada formo pri la grupa biblioteko. En agrabla maniero li instigis ĉiujn al legado kaj klarigis tutan planon por la bona aranĝo kaj pliriĉigo de la grupa libraro.

Poste okazis kantado sub gvidado de S-ino Poupeye, dum S-ino Van Roye akompanis ĉe la piano.

**BRUSELO. — « Esperantista Brusela Grupo ».** — Pro la alveno de S-ino Haudebine, la programo, antaŭvidita por Aprilo kaj komenco de Majo, estis iom ŝanĝita.

S-ino Haudebine faris tre allogan elementan kurson kaj, por la malnovuloj, amuzan « paroligan » kurson ; la unua vizito de tiu bonega profesorino altiris multajn aŭskultantojn. Ĉiulunde, ŝi dediĉas horojn al la Bruselanoj.

Tamen okazis la legado de F-ino Kestens pri Belgujo (por geografia libro sendita al Finnlando) ; ŝi tre bone verkis la priskribon.

S-ro Mooy faris interesan paroladon pri lia vojaĝo al Laplando kaj S-ro Kempeneers parolis pri « dolorigaj piedoj » kun ortopediaj ekzemploj ; ĉiuj rigardis kaj aŭskultis kun granda intereso.

La promenado de la 14-a de Majo al la Zoologia Ĝardeno de Berchem kaj ĉirkaŭaĵo estis tre agrabla ; feliĉe (kaj hazarde) la vetero estis bela.

La elementa kurso de F-ino Obozinski estas nun finita. La dato de la ekzameno ne jam konata.

### GRATULOJ

Al S-ro Jules Ginsburg, membro de la reĝa Antverpena Grupo « La Verda Stelo » kaj al Sinjorino, pro la naskiĝo, la 16-an de Majo, de fileto Leopoldo-Rafaelo.

## Bibliografia Babilado

En la lastaj monatoj, ne venis granda amaso da novaĵoj sur nia esperantista libromerkato. Tamen kelkaj t. n. « serio-libroj » denove aperis, inter kiuj ni unue citu

UNDINO, de Olive Schreiner.

La verko estas tradukita de Stephen A. Andrew. 283 paĝoj. Tole bindita : 3 ŝ 6 p; afranko 4 p. Eldonita de The Esperanto Publishing Cy.

Dank' al la E.P.C. nia literaturo pliriĉiĝis per verko de la plej granda Sud-Afrika literaturistino : Olive Schreiner, kaj je l' okazo de la apero de « Romano pri Afrika Bieno » la tuta internacia gazetaro estis unuanima en sia deklaro, ke « aperis altnivela verko ».

La libro kiun E.P.C. prezentas nun al ni, estas la unua kreaĵo de Olive Schreiner, kiun trovis nur hazarde ŝia edzo, post la morto de l' aŭtorino.

UNDINO estas parta aŭtobiografio, same kiel la Romano, kies antaŭhistorion ĝi efektive donas.

La granda valoro de la libro sendube estas la daŭra pentrado de menso kaj animostato de Undino, kiu sin trovas en medio « de viroj bonkoraj, komprenemaj, kaj de severaj amaraj virinoj ».

La bonega zorgo kiun E.P.C. ankaŭ por ĉi tiu eldonaĵo havis, certe ankoraŭ instigos la ŝatantojn de bela biblioteko, aĉeti ĝin.

★

Alia serio-libro estas : COLOMBA, n-ro 6 de la EPOKO-libroklubo. Verko de Prosper Mérimée, tradukita de Prof. J. Beau. 192 paĝoj. 1 ŝ 6 p ; afranko 2 p.

Por la sesa numero, fakte la lasta de la unua garantiita serio de EPOKO, la elekto estas certe tre bona ; ni eĉ kredas ke ni tute ne devas rakonti la historion de Colomba, kun kiu la franca verkisto Prosper Mérimée havis tiom da sukceso.

Sed kion ni povas diri estas ke la libro — laŭ ni — tre bone konvenas al la celo kiun sin starigis EPOKO : doni al la aliĝintoj interesajn, **distrajn** romanojn.

Tion ni mem ŝatis aldoni, pro la fakto ke en kelkaj esperantistaj gazetoj oni parolis pri « ne alta literatura valoro » de la ĝis nun elektitaj libroj.

Ni nur povas diri : daŭrigu en la sama vojo kaj tie ĉi ni povas ripeti ke estonte la libroj fakte ne plu estos por iu reto de membroj en unua vico, sed ke aperos tri aŭ kvar romanoj en ĉiu jaro, kiujn ĉiu povos aĉeti por 1 ŝ 6 p. Aparta aliĝo al la klubo do ne plu estos necesa.

★

Antaŭ du-tri monatoj ni ankaŭ parolis pri nova libroserio : la NOVA ROMANSERIO DE S.A.T. kaj F.L.E.

Je tiu okazo ni publikigis recenzon pri la unua libro en tiu serio : « Patroj kaj Filoj » de I. Turgenjev.

Intertempe ni ricevis la duan verkon kaj la laŭdo kiun ni havis por la unua ankaŭ povas iri al la dua.

Kiel la programo anoncis, aperis : « LA HISPANA TRAGEDIO ».

La libro kiu estas 190-paĝa, estas verkita de Jef Last, kaj tradukita de G. J. Degenkamp.

Pri la valoro lingva ni do ne devas dubi momenton.

Koncerne la enhavon : partan historion de la milito kiu daŭris preskaŭ tri jarojn kaj en kiuj estis miksitaj diversaj popoloj de nia mondo.

La aŭtoro estis ja kapabla doni la necesan enhavon, ĉar li estis kapitano en la respublika armeo kaj estis do sufiĉe ofte vera atestanto de diversaj partoj de l' priskribita tragedio, kaj li povas do facile rakonti en kortuŝa maniero la heroan batalon.

La apero de tiu libro tamen havas ankoraŭ duoblan specialan signifon :

Unue ĝi estas kompleta en la kadro de S.A.T. kaj F.L.E., pruvo ke esperantistaj eldonaĵoj jam ekzistas por diversaj medioj, kaj permesas komprenigi pli facile tiun homgrupon de alia aro.

Kaj due : estas verko plej aktuala kiun oni povus imagi : ĉiam ni povos rememori, ke dank' al la eldonaj societoj, ni posedis romanon pri la hispana milito antaŭ ties finiĝo.

La eldonaj zorgoj estas tre bonaj : papero bona, litertipo klara, eksterajo plej alloga.

★

SUPLEMENTO AL LA JARLIBRO I.E.L. 1938. Malgranda broŝuro kiun oni facile povas meti en sian jarlibron kaj kiu enhavas la diversajn ŝanĝojn koncerne la komitaton kaj la delegitaron.

Ĝi ankaŭ enhavas raporton pri la lasta internacia Esperanto-kongreso.

★

LA JARLIBRO DE I.E.L. - 1939. — Neaĉetebla, sed ricevebla nur de individuaj membroj de I.E.L. Bazaj kotizoj : Membro kun Jarlibro, 4 angl. ŝil. ; MA, 10 ŝil. ; MAH, 18 ŝil. ; MS, 25 ŝil.

En kelkaj landoj specialaj kotizoj en la landa valuto ekzistas. Aliĝiloj estas haveblaj ĉe Internacia Esperanto-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, Anglujo, aŭ ĉe Landaj Ĉefdelegitoj kaj Perantoj.

★

SE AŬSKULTAS LA ANIMO : Poemelekto de G. Gezelle ; tradukis el la flandra H. Vermuyten (Eldonita de F.U.K.E.). Prezo : 10 fr.

Tiuj, kiuj konas la tradukan talenton de nia amiko Vermuyten, povas imagi al si kun kia sentemeco poeta kaj lingva, li verkis tiujn dudekkvar poemojn.

Kompare al antaŭa laboro, tiuj belegaj tradukoj montras, ke la tradukinto ĉiam kaj daŭre pliperfektiĝis en tiu speciala arto.

Ni tial povas konsili al ĉiuj niaj legantoj, aĉeti tiun libreton, cetere arte prezentitan, kaj kiu estas havebla ĉe Belga Esperanto-Instituto.

MISISIPI, de L. Malaĥ, tradukita el la juda lingvo de I. Jurvsta. Triakta teatraĵo el la negra vivo, kiu pritraktas la tragedion de Scotsboro, 64 paĝoj plus ilustrita kovrilo, kun biografia skizo kaj bildo de la aŭtoro. Formato 13×21. Aĉetebla ĉe : Ch. KERBER, 39 avenue Gambetta, Paris-20, kaj ĉe S.A.T., 67, avenue Gambetta, Paris-20. — Prezo : 10 fr. fr. plus 10 0/0 por sendkostoj. Eldonita de « Juda Esperantista Grupo en Parizo ».

★

VARTEJOJ (eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda, 67, av. Gambetta, Paris). Originala Romano de N. Bartelmes. 128 paĝoj. Formato 13×18 cm. Tutpaĝa Titolbildo. Prezo : 13 fr. fr. plus 15 0/0 por la afranko.

Ĉu la viro en tiu ĉi romano agis kondamninde aŭ ne, pri tio juĝos ĉiu leganto laŭ sia propra temperamento. Certe la psikologia kaj morala problemo ĉi tie pritraktika de l' aŭtoro sub romana formo estas delikata, kaj eble la ombro en tiu ĉi libro estas pli forta ol la lumo.

★

KATALOGO DE S. A. T. (1938-39). — La ĉi jara Katalogo de l' SAT-eldonaĵoj estas bele prezentita kiel 16-paĝa broŝuro. Ĝi entenas multe da legindaĵoj, kiuj povas interesi ne nur laboristajn esperantistojn, sed ĉiujn kiuj ŝatas pens-instigan literaturon.



# Anoncetoj

## Estraro de "Belga Ligo Esperantista"

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)
**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)
**Vicprezidanto :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.